

# Boletín

nº 394 aprilo - junio 2011




«Komuna foto dum la 70ª
Hispana E-Kongreso»

Asociación de utilidad pública



# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 394

**Redakto-skipo**

Direktado: Juanjo Vera

Kompostado: Jorge Pavón

Revizio: Miguel Hernández, Jesús García , Alejandro Pareja

bulteno@esperanto.es

*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj

*La redakcio rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn

*Republikado de enhavo nur permesita kun permeso de la redakcio aŭ de la aŭtoro.

**Hispana Esperanto Federacio**

***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7

ES-28015 Madrid

admin@esperanto.es

Konto en BBVA:

0182-1252-31-0204011961

Tel (34)914468079 (bv. lasu mesaĝon en la aŭtomata respondilo), 634 406 695 (nur lunde-vendrede inter 16:00 - 20:00).



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL-Z-334-90

# Letero de la prezidanto

Karaj membroj de HEF,

Kiel vi povis legi en la lasta numero de Boletín, la antaŭa prezidanto de HEF, Pedro Hernández, devis demisii pro sankialoj. La estraro sendis alvokon por la plenigo de tiu kaj eventuale aliaj postenoj, almenaŭ ĝis la momento de la fino de la laŭstatuta oficperiodo. En la Ĝenerala Kunveno okazinta la 3-an de julio, kaj post certa diskutado, mi akceptis tiun respondecon por la venonta jaro, kaj kun mi la amikoj Miguel Gutiérrez Adúriz kiel vicprezidanto kaj Eduardo Berdor kiel voĉdonanto.

La nuna situacio de nia asocio ne estas perfekta, evidente. Ne nur temas pri neatenditaj ŝanĝoj en la estraro, kiuj ankaŭ tuŝis la organizan komitaton de la lasta Hispana Kongreso. Ankaŭ la prokrastoj en la aperigo de Boletín estas simptomoj de ne tute glata funkciado, kiu ankaŭ respeguliĝas en ne kontentiga kunordigado de la federaciitaj kluboj kaj asocioj. Sed ni disponas je tre valora baza homa materialo, kiel pruvas la diversaj unuopaj iniciatoj kaj ankaŭ aliaj kolektivaj agadoj kiel la sukceso en la okazigo de la kongreso.

al la 2a paĝo 

*Kovrila foto: Komuna foto dum la Hispana E-Kongreso. Fotis "Brilanto"*



La venonta jaro estos transira. Ni devos elekti novan estraron en 2012, kaj la nunaj estraranoj, ĉu jam antaŭe deĵorantaj, ĉu novaj, tute ne decidis ĉu ili rekandidatiĝos. Tial, nia unua devo estos certigi ke oni trovos adekvatajn kandidatojn por venonta oficperiodo. Ni ankaŭ klopodos por ke ili trovu tute funkciantan asocion, plenumantan siajn bazajn celojn kaj devojn.

Samtempe, tio tute ne signifas ke nia unua celo estas interna, kaj ke ni dediĉos tiun ĉi jaron al la rigardado en la umbilikon. Mi volas prioritatigi la aleksteran agadon, la informadon pri nia lingvo, la varbadon de novaj esperant-istoj, kaj ankaŭ, kompreneble, la aniĝon de grupoj kaj unuopaj esperantistoj al nia asocio. Dum venonta jaro 2012 ni disponos je tre oportuna kialo por impulsi tiun eksteran informan flankon: nia lingvo fariĝos 125-jara, kaj ni devos jam komenci labori por adekvate profiti tiun datrevenon por konsciigi pri la juneco kaj freŝeco de nia propono. Ni havos okazon plani tiun agadon, sed ni komencu jam pripensi kiel porti nian lingvon al la socio, kiel konsciigi pri la proponaro kiun portas Esperanto.

Kompreneble, tio ne estas tasko nur de la estraro. Eĉ ne speciale de la estraro. Ĝi estas tasko de HEF, kaj, ni tion ne forgesu, HEF estas ĉiuj ni, la grupoj kaj la anoj. Estas tradicia la alvoko de ĉiuj prezidantoj kaj ĉiuj estraroj al anoj por kunlabori en la plenumo de la celoj de la asocio. Sed tio estas neevitebla: estrar-anoj estas nur malgranda parto de nia movado, volontuloj kies tasko nur povas esti gvidi kaj kunordigi. Ni estas pretaj tion fari, sed tio certe ne eblos sen ĉies apogo.

Nia ĉefa interna celo direktiĝos al la kunordigo de la asocioj, en tiuj punktoj en kiuj eblas ŝparo de rimedoj, lernado de spertoj kaj disvastigo de ideoj. La nuna epoko aspektas negativa por la super-

vivado kaj viglo de la lokaj kluboj, sed ili plu estas kerno de nia movado, kaj ni ne povas forĵeti la akumulitan sperton. Samtempe, la nova rimedoj de komunikado kaj kunlaborado, la aktivado pere de la reto, la kreado de bazaj nodoj inter la junaj lernantoj, prezentas al ni defion kiun asocio kiel HEF ne devas forgesi. En tiu ĉi numero de Boletín vi vidos kelkajn ekzemplojn de reta agado fare de niaj aktivuloj, kiuj montras vojon profund-igindan en proksima estonto. Sed pri ĉio ĉi eblos ankoraŭ pli debati, tie ĉi kaj en aliaj forumoj.

Dume, permesu ke mi finu per tri personaj notoj. Unue, mi volas laŭdi la agadon de ĝisnunaj estraranoj; foje ilia konstanta sed ne tuj videbla laborado povas pasi nerimarkata inter la ĝeneralaj anoj, sed mi multfoje havis okazon konstati ilian engaĝiĝon kun nia asocio. Due, mi volas danki la du novajn estraranojn, pro ilia sindevontigo akompani nin en tiu ĉi transira momento. Kaj fine, kaj plej grave, mi volas danki Pedron pro lia penado kaj lia kontribuo al HEF. Lia rolo ne estis facila, des pli en liaj apartaj personaj cirkonstancoj, kaj la kritikoj kiujn li ricevis ne estis ĉiam trafaj kaj justaj. Ni ĉiuj deziras ke li povu plu kontribui al nia lingvo, nia movado kaj nia asocio kun la volonto kaj energio kiun li ĉiam montris en aliaj momentoj.

José Antonio del Barrio




Estas eldonita la 86-a numero de la revuo **Heleco** de Astura Esperanta Asocio. La ĉefa temo pritraktata en ĉi tiu numero estas la Ekonomia Krizo kaj ties kaŭzoj. Krom la presitaj ekzempleroj, kiujn ni disdonas, la revuo estas videbla ankaŭ en nia retpaĝo, ĉe la adreso: http://carleos.epv.uniovi.es/~faustino/

Krom tio, ni informas ke ŝanĝiĝis la adreso de la sidejo de nia Asocio. De nun ĝi ne plu estas en la strato Tomás y Valiente, en la centro de la urbo Gijón, sed en la Universitata Areo (Campus) de Viesques.

Amike salutas vin,
Faustino Castaño.

# Ordinara Ĝenerala Kunveno 2011-5-20




La 20an de majo de 2011 je la 19:00 horo (dua alvoko), okazis la Ordinara Ĝenerala Kunveno en la oficejo de HEF (strato Rodríguez San Pedro, 13, 3º-7, Madrido). Ĉeestis du estraranoj: la Sekretario Félix Manuel Jiménez kaj la voĉdonanto Juan Trenado, kiu prezidis la kunvenon nome de la Prezidanto (Konforme al artikolo 24 el la Statuto de la Asocio). Partoprenis ankaŭ kvin anoj: Toño del Barrio, Alejandro Pareja, Jorge Camacho, Ana Manero kaj Manolo Parra (ĉi lasta reprezentata de Ana Manero), entute 7 partoprenantoj. La sesio disvolviĝis laŭ la jena tagordo:

**1.- Legado kaj aprobo de la protokolon de la antaŭa kunveno (julio 2010).**

- Oni aprobis unuanimece la protokolon de la antaŭa ĝenerala kunveno, kiu aperis en la *Boletín* nº 391, ĉar oni ne ricevis iun komenton.

**2.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2010.**

- La kontoj, prezentitaj en la Boletín n-ro 393, estis aprobitaj unuanimece.

**3.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2010.**

- La raporto, prezentita en la *Boletín* n-ro 393, estis aprobita unuanimece.

**4.- Aprobo de la Buĝeto por 2011.**

- La Buĝeto, prezentita en la *Boletín* n-ro 393, estis aprobita unuanimece.

**5.- Sugestoj kaj demandoj.**

- La Sekretario rimarkas la aferon de la demisio de la Prezidanto kaj petas kandidatojn por la posteno, ĉar dum la kunveno, kiu okazos dum la Hispana Kongreso en San Lorenzo de El Escorial, oni nepre bezonas elekti novan Prezidanton.

- Nehavante iun alian aferon por pritrakti, la sekretario finigas la kunvenon je la 20:00 horo.

La Sekretario:
Félix Manuel Jiménez Lobo

La Prezidanto:
Pedro Hernández Úbeda

# Eksterordinara Ĝenerala Kunveno 2011-7-3

La 3an de julio 2011 je la 10:30 horo (dua alvoko) okazis la Eksteordinara Ĝenerala Kunveno en la oficejo de HEF (strato Rodríguez San Pedro, 13, 3º-7, Madrido).

Ĉeestis du estraranoj: la Sekretario Félix Manuel Jiménez kaj la voĉdonanto Juan Trenado, kiu prezidis la kunvenon nome de la Prezidanto (Konforme al artikolo 24 el la Statuto de la Asocio). Partoprenis ankaŭ 14 individuaj anoj kaj 3 kolektivaj membroj (Frateco, Kantabra E-Asocio kaj Madrida E-liceo) reprezentataj de tri el la ĉeestantaj individuaj membroj, entute 19 partoprenantoj. La sesio disvolviĝis laŭ la jena tagordo:

**1.- Aprobo de la protokolon de la antaŭa kunveno (majo 2011).**

•Oni aprobis unuanimece la protokolon de la antaŭa kunveno.

**2.- Informo pri la anoj:**

•Aniĝantaj je la dato 31a decembro 2010 (maksimume ŝuldas du jarkotizojn):

•Individuaj (OM, DM, PM kaj HM): 199 (el kiuj 10 apartenas al la junulara sekcio HEJS) Kolektivaj membroj:13, kaj entute: 212

**3.- Projekto 2011**

•Oni komentas la sukcesajn antaŭpaŝojn de la "projekto Bitoteko", fakte la plej grava projecto de la asocio nun. Daŭras la eksposicioj de la paneloj tra la tuta ŝtato kaj la plibonigo de la retpaĝaro. Ĉi jare okazis E-kursoj por komencantoj kaj por progresantoj en la propra HEF-sidejo, gvidataj de Pedro Hernández.

**4.- Kotizoj por la jaro 2012**

•La kotizoj por la jaro 2012 restos same ol tiuj de 2011.

**5.- Elekto de nova Prezidanto (kaj aliaj vakaj postenoj)**

•Por la posteno de Prezidanto kandidatiĝis Toño del Barrio el Madrido, kiu estis elektita unuanimece. Por Vicprezidanto kandidatiĝis Miguel Gutiérrez el Santandero, kiu estis elektita unuanimece, kaj por tria voĉdonanto kandidatiĝis Eduardo Berdor el Zaragozo, kiu estis elektita unuanimece.

•Plu restas en la estraro Félix M. Jiménez (Sekretario), Raúl A. Martínez (kasisto) kaj kiel voĉdonantoj Juan Trenado kaj Miguel Hernández .

**6.- Sugestoj kaj demandoj:**

Oni demandas pri la kongresurbo 2012, ĉar ĝis nun ne estas kandidatecoj. Oni proponas Zaragozon aŭ iun proksiman urbeton kiel Ejea de los Caballeros, Eduardo Berdor esploros la eblecon kaj postsomere komentos la demarŝojn al la estraro.

Miguel Fernández petas bv. klare aperigi en la Boletín la kotizon de HEF kaj la bankokonton, kaj samtempe gratulas la organizantojn de la HK2012 en San Lorenzon de El Escorial pro la sukcesa programo.

Jorge Camacho demandas ĉu iu HEF-ano partoprenos en la UK2011 en Kopenhago. Neniu el la ĉeestantoj venos, do la estraro serĉos iun por reprezenti al **HEF en la UK kiel Komitatano-B**.

Toño del Barrio, ĵus elektita Prezidanto, petas, ĉu iu volas kandidatiĝi por la posteno de Direktoro de "Fundación Esperanto", ĉar li opinias, ke ne estas bona ideo havi samtempe tiun postenon kaj tiun de Prezidanto de HEF. Ĉar neniu de la ĉeestantoj kandidatiĝas, li anoncas, ke serĉos iun homon por tiu posteno postsomere.

Sen pli da aferoj por pritrakti, finiĝas la kunveno je la 11:30 horo.

La Prezidanto: Pedro Hernández:
La Sekretario: Félix M. Jiménez

La novaj estraranoj ( de maldekstro): prezidanto Antonio del Barrio (Madrid), vicprezidanto Miguel Gutiérrez (Santander) kaj voĉdonanto Eduardo Berdor (Zaragoza)







# Impresoj pri nia Kongreso

Dum la fino de la pasinta junio, okazis en San Lorenzo de El Escorial la 70-a Hispana Kongreso de Esperanto. Diversaj ĉeestantoj kaj partoprenantoj komentas sube siajn impresojn.

## Organizado dum la Kongreso

La 2an de julio finiĝis la 70a Hispana Kongreso de Esperanto. La kongreso disvolviĝis en bonega loko, la "Domo de Metioj" de San Lorenzo de El Escorial, kiu estis konstruata en la 16a jarcento. Ĝi estas nuntempe la kulturdomo de la urbo, antikva konstruaĵo kun moderna infrastrukturo.

La kongreso daŭris 5 tagojn, iom pli ol kutime por altiri la alvenon de homoj, kiuj loĝas malproksime kaj ne emus veni al mallonga kongreso. Tamen la partopreno de eksterlandanoj ne estis tiel alta, kiel ni esperis. Partoprenis homoj el diversaj eŭropaj landoj: Italio, Portugalio, Litovio, Finlando, Hungario, Pollando kaj tiel plu. Entute la kongreson partoprenis ĉirkaŭ 70 homoj. La aĝa meznombro de la partoprenintoj estis 45 jaroj kaj ili venis, krom el aliaj landoj, el ĉiuj regionoj de Hispanio. Multaj venis el Madrido, kie estas multaj aktivaj esperantistoj.

Dum la kongreso estis programeroj de diversaj tipoj: atelieroj, teatro, koncertoj, ekskursoj kaj prelegoj. Ĉijare la atelieroj estis pli nombraj ol la prelegoj, tiel oni celis la partoprenon de la ĉeestantoj. La lastan tagon okazis speciala prelegaro, Peĉakuĉoj, kiu konsistas el multaj prelegetoj kun limoj de tempo kaj nombro da bildoj, tre viglaj pro tiuj specialaj reguloj. Ne okazis tiom da ekskursoj kiel pasintjare, sed la turisma flanko ne estis reduktita: oni promenis tra la urboj San Lorenzo kaj Avilo, oni vizitis la Reĝan Palacon en la Monaĥejo de San Lorenzo, kaj oni ekskursis al la fama "Sidilo de Filipo la Dua".

La Kongreso havis la honoron kalkuli je gravaj homoj de la Ibera Skolo (Miguel Fernández, Jorge Camacho, Liven Dek kaj Antonio Valén) kaj ĉiuj partoprenantoj povis ĝui la talenton de Georgo Handzlik kaj Kimo Henriksen kaj la muzikon de la ĥoro Kvaropo Sinkopo kaj la plektrorkestro "Calle del Barquillo". Kaj ne nur ĉeestantoj ĝuis la programerojn: kelkaj programeroj estis spekteblaj perrete. Ĉiumomente pli ol 10 homoj spektis la programerojn. La maksimumon ni atingis dum la atendita debato inter Renato Corsetti kaj Jorge Camacho, kiam 26 homoj kaj spektis kaj partoprenis per demandoj al debatantoj.

La Kongreso finiĝis kun granda sukceso. Ni volas danki ĉiujn partoprenantojn pro ilia ĉeesto kaj speciale danki ĉiujn helpantojn kaj kunlaborantojn pro ilia granda helpo. Ankaŭ ni volas danki la grandan apogon de la urbestraro de San Lorenzo de El Escorial kaj de laborantoj de la Kulturdomo, kies helpo estis nepra por la sukceso de la Hispana Kongreso.

Juan Trenado

## Notoj de Miguel Fernández pri la 70a HEF-Kongreso (1a parto):

Komence, mi montris min skeptika. Ne pri la homoj sed pri la loko. Feliĉe, lastatempe ne magra nombro da gejunuloj –bedaŭrindas, ve, la apenaŭa neceso uzi la prefikson "ge" ĉi-okaze– multflanke kompetentaj, entreprenemaj kaj kun averaĝe alta lingva nivelo, entuziasme aktivas en Madrido. Fojfoje kun la helpo de e-istoj –bedaŭrindas, ve, la troigo, kiun signifas la uzo de la pluralo ĉi-okaze, kaj mi kaptas la ŝancon por saluti vin, Raúl[1]– de la relative proksima Ciudad Real.

Sed tiutempe la elekto de San Lorenzo de El Escorial kiel kongres-urbo ŝajnis al mi neoportuna. Kontraste kun ĝi, abundas en Madrido bone ekipataj kulturcentroj, restadejoj, hoteloj, restoracioj por ĉiaj poŝoj, diversaj transportrimedoj... Tamen por la LKK klaris la afero: San Lorenzo taŭgas por nia celo; la tieaj oficialaj instancoj, kvankam entuziasmo-ŝparaj, ofertis al ni estimindajn aŭditorion kaj kunsidejojn; la tiea vetero mildas, kompare kun la rigoro de la madrida somero...

Kaj ni kongresis en San Lorenzo de El Escorial, de la 28a de junio ĝis la 2a de julio kaj la 3an postkongresis en Madrido. Laŭdire, István Ertl miris la UK-econ de nia nacia kongreso: ses tagojn da esperantumado.

La inaŭguron mi ne ĉeestis. Dum ĝi okazis, mi, en ĉambro ne tre fora disde la eventejo, faris la lastan provon kun la orkestro, kie mi tenoras, la Plektr-Orkestro Calle del Barquillo[2]. Donas vertiĝon la paso de la tempo! Student-epoke, ĉe la Madrida Politeknika Universitato, arigis nin ensemblen pasio ne al teknologiaĵoj sed al muziko. Unuj gitaris, aliaj mandolinis, triaj liutis... mi kantis. Kaj pli ol tridek jarojn poste, kiam ni kombas grizajn harojn aŭ ne multajn harojn, ve, havas jam por kombi, pasio al

1.Temas pri Raúl Martínez Anguita, sindonema kaj helpema e-isto de la urbo Ciudad Real.
2. *Calle del Barquillo*: t.e. Strato de la Vaflo, nomo de tre konata strato ĉe la centro de Madrido.

muziko, kiu nek griziĝas nek defalas, sed ĉiam pli oras kaj kreskas, ree nin kunligis.



La plektorkestro koncertas en la kulturdomo de San Lorenzo.

La prezenton mi aparte ĝuis. Aktive kaj pasive. La salono ja havis bonajn akustikajn kondiĉojn; miaj kompanoj plejofte bravis dumlude; la publiko silente aŭskultis kaj torente aplaŭdis... Dankon, dankon, dankon! Panjo, jam okdek-kvinjara, sidis ĉe la dua vico. Ŝi venis el mia naskiĝ-urbo, Granada, ekskluzive por gustumi tiajn momentojn, kiuj, mi certas, efikos sur ŝin viv-longige. Fine, ĉe insisto de la publiko por ke ni ludu plue, mi mian lastan kanton, la jam tutmonde konatan Granada, de la meksikiano Agustín Lara, dediĉis ĝuste al ŝi. Ja sub ŝia ĉiama fervora stimulo mi studis diversajn muzikajn lernofakojn kaj dank' al tio nun mi povas min nutri kaj delekti per la dolĉega veneno de muziko.

Ial, malkiel antaŭvidite, nian koncerton oni ne ret-elsendis. Kaj tio min ĉagrenis, ĉar pri tiaj moderneco kaj pionireco de la E-movado mi antaŭfieris ĉe pluraj rondoj de enlandaj kaj eksterlandaj geamikoj ne-esperantistoj, kiuj la 28an de junio vane atendis nian aperon ĉe la komputilo. Kaj tio min ĉagrenis ankaŭ, ĉar la plekt-orkestranoj, kies plimulto inĝenieras pri telekomunikado, jam antaŭe sciigis kolegojn pri la tiucele starigita ret-ligilo. Kaj tio, tamen, min ĝojigas, ĉar, kiel poste konstatite, la kvalitoj de la elsendoj havis pli da minusoj ol da plusoj. Ĉe venontaj E-aranĝoj, oni ĉiuflanke flegu tian novan mirindan manieron de virtuala ĉeesto.

Sekvis bierumado ĉe teraso: antikva placo malakre lumigita, vivdona friska brizo, gajo... Domaĝe, ke endis reveni en Madridon. Kaj malfermi ĉiujn fenestrojn de la domo por krei trablovojn dorm-ebligajn.

Mi feliĉis. La unua kongrestago do pravigis niajn LKK-anojn.

Merkrede, la 29an, ekskurso al Ávila. Mi ne aliĝis. Ávila belas kiel tritikkampo en silenta sunumiĝo. Sed mi preferas ĝin traĝui en unuopa surstrata promenado. Sen klarigoj pri monaĥinejoj, sanktuloj kaj sanktaĵoj. Sen sperti la ĝisostan tranĉon de la mort-anonca frido de l' preĝejoj... Kaj poste rigardi ĉi antikvan urbon, ties muregon, de ekstere, de ĉe La

kvar stangoj, plej simpla, nuda, belvidejo sur monteto proksima al la rivero Adaja: kvar sobraj dorikaj kolonoj, kies supran parton kunligas ia speco de sentegmenta baldakeno. Iam mi sidis tie en solo. Fore kaj sube kuŝis Ávila kiel kato buliĝinta en la suno. Kaj mi aŭdis la kling-klangon[3] de neeblaj sonoriloj. De tiam mi ĉiam serĉadas la kvar stangojn de ĉiuj urboj, por malkovri ties animon kaj tuj perdi min en ĝi.

Posttagmeze, ateliero pri poezio. Ĉu ja ateliero? Georgo Handzlik, el la pola regiono de Esperantujo, frapiĝis de tia vort-uzo. La NPIVa ateliero, hispane *taller,* temas pri: "1) Speciala ĉambro, kie laboras artistoj, ekz. pentristoj, skulptistoj ks. 2) Tuto de la disĉiploj laborantaj sub la gvidado de granda artisto: la ateliero de Rubens", dum ni fakte deziras vortigi la taskon far grupo de homoj, kiuj, orientataj de kompetentulo, studas kaj analizas temojn artajn, sciencajn, sociologiajn ks. ne nur por lerni sed por finprodukti opajn solvojn en horizontala interagado.

Nu, por tiu relative moderna koncepto, la hispana pliampleksigis la semantikan kampon de *taller,* kiu, krom ĉio ĉi-supre vidita, signifas ankaŭ metiejon. En esperanto, ni povus fari simile pri ateliero aŭ krei novan vorton. La NPIVaj laborgrupo ("helpa organo, starigita de komisiono aŭ komitato, por fari pri limigita temo raporton, kiu servu kiel bazo por la debatoj") aŭ diskutgrupo ("malgranda nombro da personoj, renkontiĝantaj por interŝanĝi ideojn pri difinita temo, ne alvenante al formalaj decidoj"), evidente ne rilatas.

Ĝustan solvon mi esploras kaj atendas. Dume mi parolos pri atelieroj en la tria ĵus priskribita senco. Kaj, kadre de niaj kongresoj, defendos la atelieran praktikon, ĉar amuza, partopren-invita, demokratia... apud tradiciaj prelegoj: eminentuloj instruas, aŭskultantoj enuas (pardonon, mi celis al ĝuas).

Kompreneble, ankaŭ ĉi-okaze efektiviĝas la leĝo de Toño[4], pli-malpli jene formulebla: kion ajn pritraktas ni esperantistoj, fine ni nepre parolas pri la lingvo.

La atelieron pri poezio gvidis Jorge Camacho. Poezio kiel animstato, en vortumo de Gonçalo Neves. Poezio laŭa al jenaj konsiloj de León Felipe[5 k 6]:

3. kling-klango: onomatopeece (kling!, klang!), sonorado.
4.Temas pri José Antonio del Barrio, la ĵus elektita HEF-prezidanto.
5. Tradukita de Miguel Fernández
6. León Felipe: pseŭdonimo de Felipe Camino Galicia de la Rosa (1884-1968), renoma hispana poeto el la t.n. Generacio de la Respubliko aŭ Generacio de 1927.

Malfaru tiun verson.
Senigu ĝin je l’ franĝoj de la rimo,
je metro, je kadenco
kaj eĉ je la signifo.
Ventumu ĝiajn vortojn,
kaj, se poste ankoraŭ restas io,
tio
estos la poezio.

Nuntempa poezio. Ekspluatado de ĉiaj rimedoj latentaj en lingvo por ke tiu donu kion ĝi, principe, ne estas preparita por doni: konotacion[7], Tiucele, poeto aplikas aliteraciojn, ritmojn kaj rimojn, versan liberecon, asonancojn, paralelismajn skemojn, kaligramojn[8]... Poezio kiel vehiklo de sensado, kiel esplorilo de la mondo, kiel maniero koni profundajn alirimede nealireblajn realaĵojn, kiel aventuro ale al la neniam trafebla absoluto... Belaj versoj el la Camacho’a plumo:

tremas
la ter’
omene
la mar’
cuname
l’ atom’
tumore
la hom’

Versoj sen interpunkcio. Eblas do ilin grupigi laŭbontrove kaj tiel ricevi alian poemon ĉiulege. Poezio poliedra, aperta al kompletigo fare de la leganto. Kiel bele kaj instrue por mi, por Liven Dek kaj por Camacho mem, malkovri la diversecon de nesuspektitaj trafaj perceptoj, kiujn ĉiu poemo estigis ĉe diversaj atelieranoj!

Je la 18a, inaŭguro de la libroservo, kun prezento de novaj libroj. Ties zorganto, la senlaca Pedro Sanz, antaŭvidis distrumpeti la aperon de, se mi ne miskomprenis,... dudek novaj verkoj!

Ne eblis tion realigi en nur unu horo. Des malpli, se konsideri la naturon de la tri unuaj –kaj, fine, preskaŭ ununuraj– publikigaĵoj prezentitaj: relative ĵusaj eldonoj de La Biblio, La Origino de la Specioj, de Darvino, kaj La Kapitalo, de Markso. Nenio nova sub la suno. Ĉi-prie, ĉio jam estas dirita abunde kaj redunde. La problemo ŝprucis, kiam Pedro kvazaŭrecenzis la enhavojn kaj elmetis sian juĝon pri ili kaj pri ties aŭtoroj. Jen la polemiko estis servita. Polemiko, kiun hispana somera 6a ptm., en kelkaj momentoj, varmigis ĝis akreco. Polemiko, kiu, same hispanece, ne havis gravajn sekvojn. Vomite, solvite.

7 konotacio: emocia aŭ afekcia funkcio de la lingvo (komune asociita kun la poezio), kontraste kun ties ordinara intelekta funkcio, denotacio, (komune asociita kun la prozo).
8.kaligramo: skribaĵo, plejofte poezia, kie la tipografia dispozicio provas grafike prezenti la enhavon de la poemo.



Disvendado de esperantaj libroj

La posta programero: teatraĵo. Apenaŭ ion ĉi-koncernan mi antaŭlegis en la kongreslibro. Eĉ ne la titolon de la spektaklo. Pri la aŭtoro kaj aktoro, Georgo Handzlik, nur ke li –absoluta miskompreno, ĉar fakte temas pri lia eksedzino– iam elektiĝis deputito de la Eŭropa Parlamento. Kaj, mi konfesas, nur hazarde mi ĉeestis. Ĝenerale, mi, teatr-amanto, ne ŝatas E-teatron. Kun kelkaj honorindaj esceptoj –kiel forgesi vin, majstrino Belka Beleva, kiu, sen krioj, kapablis dissendi vian voĉon, eĉ susuratajn konfidencojn, sur la spektantojn ĉe la lasta vico?, kie nun vi?, kie nun vi, scenej-damo Georgina Almanza, kiu ŝajne senpene elvulkanis la animon de Latin-Ameriko per apenaŭaj rimedoj?, kiel forgesi vin... (kvin, ses nomojn pliajn?...) – min ne allogas E-teatro.

Plie, mi malŝatas naciismon (kia fraŭdo!). En Esperantujo, verdaĵoj: diigo de La Majstro (aliflanke, admirinda homo), preĝoj sub verdaj standardoj, sanktaj signoj de l' espero, pacaj batalantoj, finaj venkoj, krokodiloj, akuzativoj, kongresaĵoj... konsistigas kodaron emocie similvaloran kun tiuj uzataj kaj manipulataj de naciistoj.

Do, se mi legintus la titolon de la verko: Ludoviko-Lazaro: Monodrama spektaklo de Georgo Handzlik, certe nun mi ne povus raporti pri tiu vere bonkvalita anim-vibriga prezentado, nek pri la ecoj artismaj, intelektaj kaj homaj de mia, dank' al tio, ĵusa amiko Georgo Handzlik.

Sursceneje, maldekstre, skribotablo kun du seĝoj; centre, portebla vesthokaro kun pendanta surtuto; dekstre, ia speco de kredenco, sur kies supra tabulo kuŝis diversaj objektoj, i.a. flakonoj kun flava likvoro...

Handzlik ekis. De la scenejo al la partero kaj inverse. Konstanta movo. Nenio somnolis. Ĉio viglis. Neniel scieblis, ĉu la spektaklo jam komenciĝis aŭ ĉu la aktoro eksterfikcie dialogas kun la publiko...

Kaj Handzlik ekparolis sursceneje. Kaj sur liaj lipoj –finfine, post mi ne scias kiom longe, mi ree spertis la miraklon– esperanto sonis plej nature. Liaj modelaj intonacio kaj prononco elvokis ne la

kvazaŭlecionan parolmanieron por E-lernantoj, al kiu kutimigis nin la plimulto de niaj geaktoroj. Nek la trobone modulitajn radiostaciajn invitojn al optimismo far parolistoj kiaj la aminda Roman Dobrzyński... Sed la senartifike ĉiutagan, simplan, manieron sin turni al la aliaj en la gepatraj lingvoj.

Georgo pluis en kabaredeca interago kun la publiko. La persono, kiun li ludis, rakontis siajn viverojn. Dume li jen pridemandis iun, jen respondis ies demandon, improvize, jen maĉis pilolojn kaj klarigis kial, jen enmanigis al iu ilon por muelado de origano, per kiu, supozeble, li poste ellaboris herbo-brandon, jen proponis kalikon da tia nek-taro (bongustega, mi povas atesti prie)...

Poiome, mi malkovradis, ke la ludato estas ne pli kaj ne malpli ol Zamenhof mem... Feliĉe, Handzlik demetis de li la glorkronon kaj prezentis lin en karno kaj sango. Kun averso kaj reverso similaj al la niaj. Kun kontraŭdiroj similaj al la niaj. Pli proksima. Modesta: "ne nomu min Majstro!!!". Homeca...

Ne magra nombro –ĉu eble dekkelko?– da personoj sursceniĝis enkorpigitaj de nur nia pola aktoro. Nur per voĉo-ŝanĝoj kaj ĉiam novaj gestoj. Tiel ni povis, ekzemple, ĉeesti la unuan E-interparolon. Flavbeka, amuza kaj inteligenta la Handzlik'a Grabowski. Ni povis bildigi la Bulonjan Kongreson kaj ties kaŝangulojn: "preferinde ne emfazu vian judecon!" (aŭ simile, mi citas el la memoro). Ni povis kundividi la zorgojn kaj batalojn de la okulisto Zamenhof por dece disvolvi sian profesion tiam tie...

Kelkfoje, kiel okazas en la realo, la persono perdis la fadenon de la rakonto. Mi ne scias, ĉu tio estis antaŭkalkulita lud-efekto aŭ vera penso-truo. Iel aŭ alie, la maniero, kiel la aktoro solvis la aferon, impresis tiel naturalisme, ke tio aldonis plian valoron al la prezentado.

Kaj la movo. Georgo plue movis sin kaj movis la objektojn por tenadi freŝa la atenton de la publiko. Kaj ankaŭ por starigi serion da referencpunktoj uzeblaj kiel memor-helpiloj, afero ne minora kadre de spektaklo kun daŭro –verŝajne troa, jen unu el ĝiaj, miaopinie, malmultaj mankoj– de unu horo kaj duono.

En postaj tagoj, feliĉe, mi havis plurajn ŝancojn konversi kun nia pola artisto. Ja ni parolis pri ĉio surĉiela kaj surtera. I.a. li sciigis min pri la fakto, ke, por la muntado de Ludoviko-Lazaro, li proprapoŝe pagis la servojn de profesia reĝisoro. Jen la vojo! Jen agadmodelo imitenda, se ni volas, ke praktiki artojn en esperanto sencu.

Ankaŭ la dua kongrestago faris la LKK-anojn indaj je danko kaj gratulo.

La ĵaŭdo startis, por unuj, per ekskurso; por aliaj, per kurso; por triaj, per ateliero.

Ateliero pri traduk-arto sub la gvidado de Antonio Valén. Estiel instruisto, Antonio lerte koncizis pri la ĉefaj trajtoj de sia prilaborota propono: oni senpezigu la finan produkton evitante trouzi la verbon estikaj la strukturon tiu(j)(n), kiu(j)(n).

Kaj li disdonis foliojn kun fragmenteto de la romano *La familia de Pascual Duarte*[9], la hispana Nobelpremiito Camilo José Cela. Kaj oni komencis atelieri pri ĝi.

Pasiigis analizi diversajn esperantigojn; komenti trafojn, sedojn kaj tamenojn; diskuti pri gramatikeroj kaj lingvaj apartaĵoj en la konkreta kadro de la verko elektita!

Fine, la pria traduko de Fernando de Diego. Impone flua, glata, eleganta, neantaŭvidita, kvankam antaŭvidebla, se oni studis lian manieron spiri la lingvon... Kaj plena de ofende simplaj solvoj!

Eblis poste elekti inter du pliaj atelieroj: pri Vikipedio aŭ pri masaĝado. Nu, ĉar oni ne povas esti samtempe surmonte kaj envale, mi rezignis la duan. Juan del Castillo okupiĝis pri ĝi. Sendube, sperte, se juĝi laŭ la entuziasmo, per kiu alia Juan (Trenado), aktiva kaj kapabla LKK-ano, dislaŭdis la bonojn de la rilaksado al li aplikita de la samnomulo.

Mirgapiga la laboro de Kani (José María Salguero) kaj de Andy Hernández ĉe Vikipedio. Ĝis nun, mi konfesas, mi apenaŭ uzis ĉi praktikan rimedon de E-kleriĝo pro antaŭjuĝoj pri la eventuala fuŝeco, per kiu, miasupoze, redaktatas kaj traktatas la Vikipedi-tekstoj. Sed, aŭskultinte niajn kompanojn, ties priskribojn pri la fundo kaj subfundo de tia universo de scioj, pri la kontroloj fareblaj kaj faritaj cele al teksta fidindeco... mi ne povas ne iĝi uzanto de Vikipedio kaj danki niajn amikojn kaj la aliajn e-istojn, kiuj penadas super tia nuntempa kulturilo.

Miguel Gutiérrez Adúriz atelieris pri farado de animaciaj filmoj. Kio rilatigebla –eĉ se apenaŭe– kun nia lingvo, ankoraŭ ne tiklis lian scivolon? Kion li, verŝajne denaske favora kaj fervora al Esperanto, ankoraŭ ne

9. La familio de Pascual Duarte, en esperantigo de Fernando de Diego, kolekto Hispana Literaturo, Barcelona Esperanto-Centro, Barcelono, 1985, 166 p.

entreprenis por plialtigo kaj disvastigo de la E-kulturo?

Aliru lian ipernity-ejon:
www.ipernity.com/home/liven).

Aliru liajn youtubeejojn:
youtube.com/user/ekstremoj
youtube.com/user/svenadun

Tie vi trovos kantojn, filmetojn, deklamadojn ilustritajn per bildoj kaj muziko, porinfanajn instru-skeĉojn ludatajn de la gantpupo Lilo... Finfine, nia informadika epoko donis al li kion li ĉiam revis: ilojn por diskonigi, por eternigi niajn artaĵojn. Li ĉiam priveis nian malŝparon de tempo, mono, sprito... en muntado de spektakloj –kelkfoje unikaj– nur por unusola prezentado al plenmano da homoj... Kaj poste nenio restas! Tial li akiris altadifinan video-kameraon kaj ne fordormas la okazon filmi ĉion filmindan por posta enretigo. Tial li bitigis aŭd- kaj vid-bende registritajn kantojn, prelegojn, koncertojn... Ne malofte juvelojn, kiuj alie perdiĝus porĉiame... Kaj per tia materialo pretigas filmetojn por la esperantaj ret-uzantoj.

Ĝuste pri la maniero tion realigi li atelieris. Kaj ni mutis kaj lernis.

Komuna manĝo. Varmo: la aer-klimatizilo paneis. Sed ne ŝrumpis nia gaja humoro. Baldaŭ tian ĝenon iu sensis "osto en la gorĝo"; alia, "najlo en mia ĉerko"... Mirinde spice! najlo en mia ĉerko. Rid-eksplodo. Kiel deserto, in-lipe ruĝa akvomelono, kiu, kune kun la ankoraŭaj ridoj pro la najlo, refreŝigis pli bele ol ajna klimatizilo en la mondo. Postdeserte, brando, nome varmigilo. Sed nure de la koro. Ial, ekstere, fakte, friskis. Bela manĝo.

Dua sesio de la ateliero pri poezio. Kontrastigo de tri poetikoj: poemoj de Camacho, Baldur Ragnarsson kaj Mao Zifu, t.e. liriko retenata, enpensiga kaj teknike kompleksa, apud liriko serena, preskaŭ nuda, animtuŝa pro simplo, apud liriko raketa, kviet-raba, apokalipsa, magma. Tri poetikoj. Tri manieroj nin forpreni en la belon kaj la veron. Kaj ĉiujn tri ni povas traĝui en esperanto. Atelieranoj diskutis, komprenis kaj benis.

Kaj venis mia vico: ateliero pri deklamado.

Ne eblas, ĉi-rilate unuecigi kriteriojn. Ĉiu deklamanto havas siajn proprajn preferojn, kaj tiuj pivotas kadre de tre ampleksa regiono. La problemo jenas: la niveloj semantika kaj metrika ne samas. Ĉiu verso ne nepre respondas al unu kompleta frazo. Ĉiu verso povas enteni parton de propozicio, kiu pluas en posta(j) verso(j), aŭ esti plurpropozicia. Tio en

esperanto nomatas transpaŝo. Ekzistas do paŭzoj metrikaj, tute diferencaj disde la paŭzoj semantikaj, uzataj en la proza deklamado. Ĉe unu ekstremo, situas la homoj, kiuj, kiel la franca poeto Apollinaire, opinias, ke ĉiu verso deklamiĝu unutire, kun preterado de la signifo, kvazaŭkante, kvazaŭ temus pri strikte monotona kantileno... Nome, sintakso submetiĝu al metriko. Aliekstreme staras aktorecaj deklamantoj, por kiuj, en okazo de konflikto, semantiko (senco) nepre regu super metriko (ritma skemo).



Ateliero pri deklamado en la supra salono

Mia opinio celas al ora mezo. Mi penis klarigi kelkajn artifikojn aŭ provojn de aliro al tia idealo. Tamen ne ĉiam eblas. Fakte, ĉiu poemo postulas apartan tipon de deklamado, pli proksima al unu ekstremo aŭ al la alia. Memkompreneble, Anna, diskrura kaj enua, de William Auld, per si mem trudas deklaman teknikon antipodan al tiu trudata de la Kantoj de Anteo, de Mao Zifu. Oni atentu al la postuloj aŭ petoj de poemo pri tio, kiel ĝi volas esti deklamata. Iel aŭ alie, ĝeneraltrajte, mi inklinas pli al la aktoreca ol al la Apollinaire'eca tendaro.

Ni analizis diversajn tekstojn, streĉis nian atenton por aŭdi iliajn proprajn deklam- petojn aŭ postulojn. Aŭ kriojn (mal)aprobajn. Kaj mi taskis la atelieranojn –inter kiuj troviĝis Antonio Valén, Jorge Camacho, Liven Dek, Ana Manero, Georgo Handzlik... kiaj luksaĵoj!– per deklamado de po unu poemo, laŭ la tekniko de ili preferata, kadre de ĉio, kion ni jam pritraktis.

Kiam ni finis, en la ĉefsalono, ĉi-okaze aperta ankaŭ al eksterkongresa publiko, estis projekciata la hispana filmo El coche de pedales(La pedal-aŭto) kun E-subtekstoj. Ja estiminda verko, kie esperanto rolas korkarese. Mi jam spektis ĝin kelkfoje. Tial mi preferis terasumi kun mia vin-adora kolegaro. Kiom da bonaj vibroj!

Miahejme, la tago dissolviĝis en muziko de Delius.

La ĵaŭdo ĝisis. Mi certas, ke asignante multajn pozitivajn poentojn al la LKK.

(daŭrigota)
Miguel Fernández
Fotoj de Paulo Branco

## Ekskurso al Avilo

Merkrede la 29-an de julio, en la dua tago de la kongreso, okazis duontaga ekskurso al la kastili-leona urbo Avilo, monda heredaĵo de Unesko, fama pro ĝia impona murego kaj la multnombraj preĝejoj kaj nobelaj palacetoj. Grupeto kun dek-unu esperantistoj frue veturis trajne ekde la stacidomo de najbara urbeto El Escorial. Alveninte en la urbo, mi supraĵe rakontis pri la historio de Avilo ekde ĝiaj pratempoj ĝis la nuno kaj de tie ni promenis ĉ. 15 minutojn ĝis la urbocentro kie ni komencis ĝui la urbon. Inter la lokoj kiujn ni vizitis troviĝis la ekstermurega romanika preĝejo Sankta Jozefo, poste ni ekrigardis la muregon, vizitis la katedralon kun ĝia klostro kaj muzeo kun valoraj objektoj kaj ni laste vizitis la bazilikon de Sankta Vicento. En ĉiu loko ni haltis ekstere, kie ni faris etan enkondukon pri la historia konstruaĵo kaj en la fino Jorge Pavón parolis pri la avilaj sanktuloj Tereza de Jesuo kaj Johano de la Kruco, kaj legis iliajn poemojn. Pro manko de tempo, ĉar la trajno bedaŭride eliras sufiĉe frue, ni laste rigardis la muregon ekde la okcidenta flanko, ni faris la komunan foton kaj rapide ni piediris ĝis la trajnstacidomo, kie okazis komuna adiaŭa tagmanĝo en restoracio. La impreso de la ekskursantoj verŝajne estis favora, eĉ se ni nur povis plenumi la duonon de la planata ekskurso. La tempo forflugas kiam ni renkontiĝas kun esperantistoj!

Andy Hernández

## Kani kaj liaj impresoj

Kio vere impresis min dum tiu kongreso estas la altnivela kvalito de programeroj ĉu distraj (Handzlik, koncertoj ktp) ĉu klerigaj (atelieroj, prelegoj ktp.). Persone kortuŝis min la interesa partopreno en la ateliero pri Vikipedio pri kiu mi kun Andy zorgis: mi ne povis imagi ke tio atentus tiom atenton de la publiko; mi deziras, ke tio ne restu kiel kongresa intereseto kaj iĝu ĉiutaga al kelkfoja dediĉo. La etoso estis plej ofte amika, kiel devas esti. Por mi, kiu neniam estis en Eskorialo estis kompreneble interesa la vizito al monaĥejo kaj same interesa la ekskurso al Avilo. Sed ne ĉio estu laŭdo. La kongreso ankaŭ montris la malforton de la hispana movado. Eĉ ĉe urbo de 4 milionoj da loĝantoj la kongreso ne sukcesis altiri intereson de ekstera publiko spite la klopodojn tiudirekte. La hispanaj esperantistoj apenaŭ sukcesas kongresigi novulojn kaj tiele la esperantistaro stagnas kaj rutiniĝas. La ripetita relativa malsukceso de kurseto por eksteruloj estas montro. Jen alia persona

impreso. Persona, ĉar mi ne vizitis naciajn kongresojn tiom kiom internaciajn. Esperanto ja estas internacia lingvo. Tiele mi vidis lastajn jarojn ke andaluzoj apenaŭ kongresas ekster Andaluzio, galegoj same pri Galegio kaj inverse: centruloj ne periferias. Por ne paroli pri katalunoj kaj inverse. Oni ne devas trovi kulpulojn, ĉar tio estus erara. Eble nur solvojn. Tiuafere Iberiaj Renkontiĝoj plie direktis sin al tiu celo. Ĉiukaze mia bilanco estas tute pozitiva.

Kani.

## Videoelsendo

Jam finiĝis la Hispana Kongreso de Esperanto en San Lorenzo kaj post mallonga ripozo ni devas atenteme ekzameni la rezulton. Ŝajnas, ke la partoprenantoj forveturis kontentaj pri la etoso kaj la programo, kaj pri tio ankaŭ mi kontentas, ĉar la kvalito de la prelegoj, atelieroj kaj aliaj aktivaĵoj estis enviinda. Tamen, ĉijare ni devas atenti ne nur la opinion de tiuj, kiuj ĉeestis. Ni ankaŭ devas atenti la opinion de tiuj, kiuj ne ĉeestis sed iamaniere partoprenis. Ni unuafoje elsendis interrete kelkajn programerojn kaj la rezulto estis pli bona ol ni esperis.

La afero komenciĝis sufiĉe malfrue, nur du semajnoj antaŭ la komenco de la Kongreso. Tiel malfrue, ke oni facile povus antaŭvidi fiaskon. Tonyo del Barrio ekhavis tiun ideon kaj ni entuziasmiĝis pri ĝi. La laboro por organizi la kongreson ne lasis tempon por fari provojn, nur por krei la kanalon de la kongreso en retejo de videoelsendo (www.livestream.com) kaj agordi ĝin iomete. Tiu retejo permesas al spektantoj babili dum la dumviva elsendo, do ĝi bone utilis por niaj celoj. La rimedoj uzataj estis tre hejmaj, tute neprofesiaj. Tio estis konsekvenco de nia manko de sperto (neniu el ni fakas pri aŭdovidaj teĥnikoj). Ni uzis retkameraon de portebla komputilo kaj surtablan mikrofonon kun longa kablo, kiu permesis al ni situigi ĝin sufiĉe malproksime de la komputilo.

Dum la unua tago de la Kongreso ni trovis la unuan baron, la promesita retaliro de la Kongresejo ne funkciis, do la elsendo devis esti nuligata dum tiu tago. La sekvan tagon la teĥnikisto de Kulturdomo de San Lorenzo sukcesis ripari la retaliron kaj ni povis fari niajn unuajn surlokajn provojn. La unua programero, kiun ni elsendis, estis la teatraĵo de Georgo Handzlik, Ludoviko-Lazaro. La rezulto ne estis tiel bona kiel ni esperis, tre verŝajne ĉar la aktoro konstante moviĝis kaj la parolado laŭtis kaj mallaŭtis, dependante de la sceno. Krom tiuj problemoj, la elsendo suferis etan paŭzon.

La ĵaŭdon ni ne povis elsendi la programerojn dum la mateno, sed vespere ni elsendis la prelegon pri Mongolio de Pedro Hernández kun malbona kvalito de la sono. La mikrofono ŝajnis denove nesufiĉe bonkvalita por la elsendo. Laŭ konsiloj de spektanto ni agordis la sonsistemon de la komputilo kaj sukcesis elsendi kelkajn programerojn de vendredo, sufiĉe bonkvalite.

La sabaton finfine ni elsendis preskaŭ ĉiujn programerojn kun relativa sukceso. La pinta programero estis la atendita debato inter Renato Corsetti kaj Jorge Camacho, kun Toño del Barrio kiel moderatoro, kiuj parolis pri la bona kaj la mava lingvo. La debato estis atentata de 26 spektantoj kaj kelkaj el ili rekte faris demandojn al debatantoj, kiuj volonte respondis.

Post tiu sperto nia konkludo povas esti, ke kongresoj povas okazi kaj fizike kaj virtuale. Nuntempe ekzistas bonaj rimedoj, kiuj disponeblas senpage en la interreto. La kanalo estis montrofenestro al la mondo pri la kvalito de nia programo dum la Hispana Kongreso kaj ni esperas, ke tiu elmontro kreskigis ĝian prestiĝon. Oni povus pensi, ke la dispono de la aktivaĵoj de la kongresoj en la reto povas malpliigi la nombron da partoprenantoj, sed ĉiuj, kiuj iam partoprenis en ajna kongreso bone scias pri la etoso, kiun eblas trovi surloke. Kaj ankaŭ ĝi povas kuraĝigi tiujn, kiuj neniam partoprenis kongreson. Do tiel ni esperas altiri homojn al nia kongreso, kaj komencantojn kaj veteranojn. Nia intenco estas ripeti tiun sperton kaj lerni de pasintaj eraroj kaj problemoj, precipe teĥnikaj sed ankaŭ organizaj, por starigi precedencon kaj krei kutimon.

La programeroj elsenditaj, kiuj ankoraŭ povas esti spektataj en la retejo de la kanalo estis la jenaj:

**29a de junio:** Teatraĵo Ludoviko-Lazaro, Georgo Handzlik:

**30a de junio:** prelego pri Mongolio de Pedro Hernández

**1a de julio:** ateliero pri kantoj de Liven Dek, a gado en la reto de Miguel Ángel Sancho, bitoteko de HEF de Ana Manero kaj Miguel Ángel Sancho kaj Koncerto de Kvaropo Sinkopo

**2a de julio:** Kimo parolas pri muziko, publika deklamado kaj prezentado de libroj, koncerto de Georgo Handzlik, peĉakuĉoj, debato inter Renato Corsetti kaj Jorge Camacho, kaj koncerto de Kimo

adreso de la kanalo:
http://www.livestream.com/70ahispanakon
gresodeesperanto

Juan Trenado

# Muzika agado en la 70-a HEK

Onidire, tiu ĉi kongreso estis nenormale bunta kaj abunda en sia programo. Sed tre aparte, mi ŝatus emfazi ĝian muzikan flankon, vere rimarkindan kaj eksterordinaran.

**Post la inaŭguro, gitaroj kaj liutoj**

Por "aperitivumi", jen luksa plado: marde vespere, post la inaŭguro, regalis niajn orelojn la bonega plektrorkestro *Calle del Barquillo* kiu prezentis tre varian repertuaron de popoleca muziko, adaptita kin-muziko kaj zarzuelaj romancoj, kun granda talento kaj tre delikata kaj emoci-plena ludarto. La koncerto memorigis min pri portugala muziko, kiu ofte uzas tiajn instrumentojn kaj ludas simil-stilan muzikon. Kaj mi insistas pri lukseco, ĉar plektrorkestroj bedaŭrinde estas langvore malaperantaj el la hispanaj scenejoj; do, ĝia ĉeesto en nia kongreso estis vera unikaĵo. Ne, mi ne forgesos mencii ke du repertuoj de la koncerto estis majstre ornamitaj per la velura voĉo de nia kara Miguel Fernández, kiu kantis itale kaj hispane. Kaj mi avarus, se mi restus simple ĉe la voĉo de Miguel, kies admirinda kvalito ne sukcesas kaŝi lian tutecan artan talenton: nekredebla sceneja besto, nia Miguel. Kaj ankaŭ mi ne forgesu mencii la perlon per kiu la orkestro post-finis eksterprograme sian koncerton: la faman kanton Granada, denove kantitan... aktoritan de Miguel Fernández, en versio tute aparta al la jam konataj. Ĉi foje Miguel kaj la orkestro teksis la melodion kun nekutima tenero kaj sindeteno en la impeto, per kiu rutine oni ludas la kanton, kiel la Tri Tenoroj mem faras. Sed la rezulto estis superba kaj emociiga. Ĉiuj muzikaj programeroj estis malfermitaj al eksteraj ne-esperantista publiko. Kaj certe tiu ĉi koncerto estis eble la plej multnombra ĉar la plektrorkestro logis multajn ne-kongresanojn.

**Ĥore al koro**

Kaj jen ni devis atendi ĝis la vendreda vespero por ĝui plian muzikan programeron: la koncerton de Kvaropo Sinkopo, ĥor-ensembleto kvar-voĉa en kiu mi mem ludas kiel tenoro, do senkulpigu sekvan unua-personan raporteton. Kvaropo Sinkopo prezentiĝis en la Zamenhof-tago de 2010. Ĝin konsistas du iamaj gravaj madridaj aktivuloj: Pedro Vilaroig (baso) kaj Laura Carballo (soprano), kiuj fondis la ĥoron Verda Stelo, Paloma Gil(aldo), kantisto de tiu ĥoro, kaj mi, Manuel Pancorbo. Do ni prezentis repertuaron de muziko plene kantita en esperanto. Ni ludis seninstrumente, krom en la bolero Ĵuro *(Juramento)* kiun ni ludis per helpo de gitaro kaj perkuto. La originalaj lingvoj

de la originalaj kantoj estis tre variaj: hispana, galega, franca, angla, itala, ladino (jud-kastilia)... Kaj ankaŭ la stiloj estis diversaj: de mezepoko al romantikismo, kaj de popola muziko al pop-roka! Jes, ni ludis faman kanton Déjame de hispana pop-bando de la 80-aj jaroj *Los Secretos*, sub la titolo Lasu min. En la programo estis ankaŭ muzikaĵoj kun movadeca enhavo, kia la triumfa sudafrika marŝo Frate marŝas ni al verda venko (*Siyahamba*), Kanto de ligo (zamenhofa traduko el germana poeto J.G. Hientzsch), kaj, kompreneble la himno La Espero, kiun ni ludis eksterprograme, kun granda ĝojo de la publiko. Mi deziras reliefigi el la programo aparte karan kanton Iam homo, de usona komponisto Fred Morris. Originale, ĝi estis bela -sed simpla- liturgia preĝo. Sed Miguel G. Adúrizdonis vernison de kvalito per tute nova originala teksto adaptita al la melodio. Kiel duan bison, ni re-ludis tiun ĉi kanton.

**Bardo sen barbo**

Sabate antaŭtagneze ni ĝuis la koncerton de Georgo Handzlik, kanzonisto aŭ, kiel li mem nomas sin, la "bardo sen barbo". Li estas konata pola aktivulo kaj artisto: krom lia barda agado, li ankaŭ teatrumas aktore, reĝisore kaj traduke. Krom pro siaj meritoj, li ankaŭ estas konata pro siaj bo-meritoj: lia edzino, Margareta Handzlik, estas eŭropa parlamentano kiu pledas kaj propagandas esperanton en la Eŭropa Parlamento. Li proponis unu horon kaj duonon da koncerto per tre simplaj rimedoj: seĝo, pupitro, gitaro kaj lia milda kaj klara voĉo. Liajn kantojn, mem-komponitajn, li ĉerpis precipe el sia fama disko Ni tostu la verdan fortunon; ili montras lian amon al esperanto kaj ties kreinto. Sed ankaŭ petolis en liaj vortoj subtilaj satiro kaj ironio, tuŝantaj la kernon de nia verda eklezio, preskaŭ vodevile. Kiel ezemplo, la kanto Dek klubanoj kiun la publiko kante akompanis dum la refreno. Li sukcesis plurfoje kantigi kaj polmobatigi akompane la publikon, kiu rezultis en granda ĝojo. Georgo sukcesis ŝorci nin dum longa tempo. La facila komprenebleco de lia prononco helpis alkroĉi la publikon al la intrigo disvolvita en siaj kantoj. Nur la fakto ke la tagmeza manĝo-horo alproksimiĝas, senkoncentrigis la kongresanojn de la influo de Georgo. La manko de glukozo en sango estis la nura baro por iom ajn longa koncerto, kiom Georgo dezirus. Anekdote, la koncerton ĉeestis virino akstera al kongreso (ĉiuj muzikaj programeroj estis malfermitaj al ajna publiko). Kelkaj el ni demandis al ŝi, kaj ŝi rakontis ke ŝi ne komprenis la lingvon sed estis al ŝi evidente ke ni ceteraj ja komprenis; malgraŭ tio, ŝi diris ke ŝi multe ŝatis la spektaklon. Poste, ni

klarigis al ŝi ke temas pri lingvo esperanto kaj ŝi restis ĉe la ekzpozicio por plu informiĝi.

**Desperado en Eskorialo**

Kaj por fini la muzikan programon, vera ĉef-plado inda eĉ de Universala Kongreso: la koncerto de Kim Henriksen, vera viva legendo de la esperanto-movado: aktivulo plurpostena, ĉefe en la dana e-movado, kaj membro de historiaj rock-bandoj kiaj Amplifikikaj Esperanto Desperado... kia festo fino por la sabata vespero, tuj post la diskuto Corsetti-Camacho! Bedaŭrinde mi ne povos raporti multe pri lia koncerto ĉar ĝin mi ne povis ĉeesti, krom tio ke li ludis akordionon kaj pianon. Kiel nesufiĉa surogato, mi povas tamen raporti pri prelego lia, kiu okazis sabate matene antaŭ la koncerto de Handzlik. Li prelegis fakte pri sia vivo kiel esperanto-artisto, en tre alloga kaj kortuŝeta maniero. Li rakontis ĉefe pri siaj iamaj klopodoj alproksimi la rokan muzikon al esperanto, kun sukceso laŭ la nuna konstato pri la forta sano de esperanta rok-muziko. Ripetinda, sed malfacile ripetebla muzika programo en 70a HEK.

Manolo Pancorbo

## Ekspozicio en Alkorkono

Inter la 20-a de majo kaj la 2-a de junio estis organizita Ekspozicio pri Esperanto, en kultura centro Viñagrande en Alkorkono (Alcorcón). La ekspozicio utiligis la panelojn kreitajn de HEF okaze de la 150-a datreveno de la naskiĝo de L. L. Zamenhof, kaj kiujn oni montris en antaŭaj okazoj en aliaj kulturejoj de la urbo. La 2-an de junio oni organizis prelegon en la sama kulturcentro (kun tre magra ĉeesto de publiko, oni agnosku)

La anonco vekis intereson de lokaj amaskomunikiloj. La plej atentinda estas intervjuo al Toño del Barrio, fare de la sudmadrida televido, kiu elsendas en la kanalo 30 de la TDT, kaj kiu estis ankaŭ spektebla en la retejo http://www.sur-madrid.com/ (ĉar la teĥnika kvalito de la retejo estas malbona kaj ankaŭ ĉar ĝi jam malaperis el la ĉefpaĝo, oni povas konsulti la adreson: www.delbarrio.eu/blo/2011/05/esperanto-en-alcorcon/)

Informoj aperis ankaŭ en la radistacio Ser Madrid Oeste kaj en reta portalo noticiasdealcorcon.com/

# Esperantista evento en Pedrajas (Valadolido)




De maldekstro: Rodrigo Portela, la organizanto kaj Pedro Garrote

Post konvena kaj taŭga informado, tra diversaj komunikiloj, inter ili la kastilia ĵurnalo El Norte de Castilla kaj la eldono de alloga afiŝo, hispanlingva prelego pri Esperanto okazis en la ĉefsalono de la urbodomo de Pedrajas de San Esteban, je la 17,30 de la 30-an de aprilo, organizite de la ĵus-kreita Junulara Asocio.

Kun la celo altiri la atenton de la ĉeestontoj, la Junulara Asocio aperigis en sia retpaĝo diversajn informojn, inter ili artikolon publikigita en El Norte de Castilla.

Pri la prelego, la Junulara Asocio aperigis raporteton kun pluraj fotoj, kies teksto mi tradukas al la internacia lingvo Esperanto:

La pasintan 30an de aprilo okazis prelego pri Esperanto, kun la estimata kunlaboro de Rodrigo Portela kaj Pedro Garrote, membroj de la Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid.

Unue, Rodrigo Portela prezentis tre interesan kaj bone dokumentitan tezon pri la diversaj projektoj de planitaj lingvoj: laŭlonge de la historio, filozofiaj, matematikaj, muzikemaj, Volapük kaj Esperanto mem, finante per aliaj kiuj devenas de Esperanto, kiel Ido.

Sekve, Pedro Garrote parolis pri Esperanto en Hispanio, menciante la diversajn E-grupojn disvastigitaj tra la tuta lando kaj la okazigon de la 5-a Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono en 1909, 22 jarojn post la aperigo de la unua lernolibro de Esperanto.

La preleganto s-ro Garrote, ankaŭ menciis plurajn famulojn kiuj apogis Esperanton kaj la nomumon de D-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof, elpensinto de la lingvo kiel komandoro de la Ordeno de Elizabeto la Katolika, per reĝa dekreto de sia reĝa moŝto Alfonso la 13-a.

Fine, la ĉeestantoj havis okazon demandi pri diversaj aspektoj de la temo al la du prelegintoj.

Resumis kaj tradukis L Hernández

# Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo en Malgrat de Mar (Barcelona) de la 1a ĝis la 8a de oktobro

Eble, mi devas unue klarigi, ke ĉi tiu Esperanta evento ne estas Kongreso. Oni ne devas elekti estraron, nek ankaŭ diskuti la financan problemon, nek estas solena deklaracio. Kaj evidente ĝia karaktero estas internacia. La “Semajno” estas kunveno de gesamideanoj, kiuj venas ĝui la etoson de familio esperantista. Ĝi ĉiam okazas en hotelo, kie ekzistas salono, en kiu ni povas disvolvigi niajn programerojn. Do, tio estas granda avantaĝo por la ĉeestantoj kaj ankaŭ por la organizantoj.Ni ĉiam klopodas prezenti tiun Esperantan eventon, kiel eble plej alloge. Kaj mi pensas ke ni sukcesas, ĉar ĉiujare venas pli da gesamideanoj, kaj iuj el ili jam akompanas nin de almenaŭ 15 jaroj. Kompreneble tio kuraĝigas nin iri antaŭen, kvankam tio ankaŭ signifas plian laboron.

Nu, kiu okazas dum la Semajno? Eble, mi devas klarigi, ke la “la laboro” komenciĝas je la 8:30 kaj finiĝas je noktomezo aŭ pli malfrue. Nunjare estas progamitaj diversaj temoj, de Laoso ĝis la arto de branĉo-tondado, en tute estas programitaj sep prelegoj. Kaj alia programero pri opero (DVD) Turandot. La nura lingvo oficiala estas Esperanto kaj ĉiuj progameroj okazas esperantlingve. Oni donos la Premion “Ada Sirkorska”, kies celo estas rememorigi laboron, kaj premii distingindan laboranton de la Esperanto-movado. Ni programas tri ekskursojn, unu tuttaga, kaj du duontagaj. Nunjare ni veturos al Sabadell, viziti la majestan monumenton kaj la straton Esperanto (la unua tiel nomata strato inaŭgurita en la mondo 14-7-1912). Ankaŭ estas E-kurso, klarigita de Stano Marĉek, la redaktoro de Esperanto UEA, ĝi ne estas plena kurso, ĉar jam la plimulto de ĉeestantoj bone regas Esperanton. Ni, eble ok monatojn antaŭe vizitas la Magistraton, kaj invitas al urbestro ĉeesti la inaŭguron de la Semajno. Tie ne mankas ĉampano Esperanto, bongustaj trinkaĵoj kaj kukaĵoj. La etoso estas mirinda. Jam de kelkaj jaroj ni lasas niajn spurojn, pere de memoriga tabulo lokigita en oportuna loko de la urbo. Ne mankas debato pri Esperanta temo, nun-jare: Ĉu Esperanto estas artefarita lingvo?

Neniel mi deziras forgesi nian folkloran nokton, ĉiam harmoniigita per la famaj katalunaj muzikaj esembloj “Habaneras” kaj akompanata de la fama ”cremat”, brul-rumo kun spicaĵoj servata en tasetoj, kiu rememorigas la Semajnon.

Pliajn detalojn. luis_serrano@ya.com: http://personales.ya.com /semajno.

Luis Serrano

# OpenBiblio en Esperanto




OpenBiblio[1] estas senpage akirebla aŭtomatizita biblioteka mastrumsistemo. Ĝi kreiĝis en 2002 sub Ĝenerala Publika GNU-Permesilo, estas skribita per PHP-lingvaĵo kaj enhavas retkatalogon kaj funkciaron por katalogado, pruntado kaj administraj taskoj.

OpenBiblio estas dezjnita por malgrandaj bibliotekoj surbaze de la formato MARC 21 [2], kaj permesas importi rikordojn el ĉiuj kongruaj formatoj.

La sistemo konsistas el kvin moduloj: Pruntejo, kiu ebligas la administradon de pruntoj, rezervoj kaj redonoj de materialoj; Katalogejo, por kontrolo de bibliografiaj rikordoj kaj ekzempleroj; Administrejo, kie eblas agordi kaj administri la sistemon; Raportoj, utila por krei raportojn pri la datumoj de la biblioteko; kaj Retkatalogo, kiu permesas konsulti rete la katalogon kaj tiel koni la havaĵon de la biblioteko.

Ĝi ne disponas modulon por kontrolo de aŭtoritatoj kaj tio konstituas ties ĉefa manko, sed malgranda biblioteko povas elturniĝi sen ĝi. Kompense katalogado per ĉi programo estas simpla kaj intuicia, sekve do ankaŭ neprofesiulo povas relative facile prizorgi bibliotekon.

La ĉefa modulo estas Katalogejo. En ĝi, ĉiuj areoj kaj elementoj de la ISBD-normaro[3] estas kodigitaj en difinitaj kampoj kaj subkampoj. La subkampoj aperas sendependaj kaj kaze de ilia ripetiĝo en la bibliografia rikordo, ili ordiĝas laŭ alfabeta ordo. Tio devigas kelkokaze al konscia devojiĝo de la kataloga normaro por ke la donita informo estu komprenebla en la rikordo. Ĉi tiu maniero organizi la informon neniel malhelpas la funkciadon de la sistemo kaj ĝian utilon. Simple, oni devas kutimiĝi al ĝi.

1.http://obiblio.sourceforge.net/
2. MARC: (Machine-Readable Cataloging, katalogado legebla per maŝino), komputila formato por interŝanĝi bibliografiajn informojn, disvolvita de la usona Library of Congress (Biblioteko de Kongreso) kaj nun uzata de multaj aliaj bibliotekoj.
3.ISBD: (International Standard Bibliographic Description, internacia norma bibliografia priskribo), normo por la transkribado de bibliografiaj informoj, reguligante ties ordon kaj la uzendan interpunkcion.




Administra ĉefpaĝo de *OpenBiblio*

Por faciligi la komprenon de la sistemo kaj gvidi ĝian uzadon, Biblioteko Juan Régulo Pérez (BJRP) verkis du dokumentojn: Ĝenerale pri katalogado kaj Katalogado en Openbiblio, ambaŭ desŭteblaj ĉe Bibliotekistejo[4] kaj Bitoteko[5] .

La Retkatalogo ebligas serĉadon nur per aŭtoro, titolo kaj fakvorto. Vortojn kun supersignoj oni devas tajpi ĉu rekte tiaj ĉu per x-sistemo. En ambaŭ kazoj la informo aperos supersignita. Nepras skribi la vortojn kun ĝustaj supersignoj aŭ aliaj diakritaĵoj. Ekzemple, por trovi la verkojn de Miguel Fernández, en la kampo "aŭtoro" oni tajpu "Fernández, Miguel" aŭ simple "Fernández" (aperus ĉi-kaze pliaj aŭtoroj kun sama familinomo). Serĉado simple per "Fernandez" (sen akcentosigno) donos nenian rezulton, krom eventualajn mistajpojn de la katalogintο. Se la supersignita litero estas majuskla, oni devas majuskligi ĝin por serĉado.

La ceteraj moduloj ne estas ankoraŭ plene uzataj de BJRP. Kiam tio okazos, priaj dokumentoj publikiĝos laŭeble en la Bibliotekestejo. Dume, eblas konsulti la katalunlingvan bitartikolon "Openbiblio: programari lliure d'automatització de biblioteques" de Patricia Russo Gallo[6]. Temas nur pri ĝenerala priskribo ne pri manlibro, sed interesa ĉiel ajn por interesatoj.

4 . http:// www.esperanto.es/biblioteko/bibliotekistejo
5. http://bitoteko.esperanto.es/
6. http://www.ub.edu/bid/19russo.htm

La traduko, aplikado kaj disponigo de la esperanta versio estis sufiĉe problema. La interna organizo de la programo, malkohera kaj ne sistema, kaj la nekongruo de la esperantaj ĉapelitoj kun ties agordoj kaŭzis teknikajn malfacilaĵojn, ne ĉiam facile solveblaj. Fakte, kelkaj partoj de la programo restas en la angla kaj certajn literojn de la internaĵoj ni devis lasi x-sistemajn ĉar la respondaj supersignoj misfunkciigas aŭ eĉ paneigas la programon. Tio tamen, ne multe gravas ĉar temas nur pri la mastruma parto. La uzantoj de la retkatalogo[7] ricevas la informon en taŭge ĉapelita Esperanto.




*Openbiblio*: rekta katalogo

La esperantan version de la programo pretigis kelkaj kunlaborantoj de Hispana Esperanto-Federacio kune kun la prizorganto de BJRP , kie ĝi estis unue uzata en Esperanto-medioj. Poste, ankaŭ la Biblioteko de la grupo Frateco, de Zaragoza, ekuzis ĝin.




Rezultoj atingitaj en la retkatalogo de Biblioteko Juan Régulo

Ni studos estonte la eblecon prilabori pli potencan programon senan je la mankoj de ĉi tiu. Ankaŭ tiun HEF publikigos siatempe. Dume, la esperanta traduko de OpenBiblio8 jam deŝuteblas el la Bibliotekistejo, je la dispono de ĉiu biblioteko aŭ asocio, kiu deziras katalogi sian kolekton kaj fari ĝin rete alirebla.

Ana Manero

**En la venonta numero, aperos detala artikolo pri la Bitoteko, kreita en la retpaĝo de HEF kaj prezentita dum la 70a Hispana Kongreso**

7. http:// www.esperanto.es/biblioteko/katalogo
8. http://www.esperanto.es/openbiblioZar/opac/index.php

# Pri la lasta Malferma Tago



Centra Oficejo en Roderdamo.
Foto:Joost Witteveen

La pasintan 14-an de majo, sabate, la pordoj de la Centra Oficejo de UEA malfermiĝis alvokante al tiuj esperantistoj kiuj tion dezirus, viziti la instalaĵojn de la sidejo kaj permesante ĝui agrablan tagon babilante kun aliaj konatuloj.

Mia edzo kaj mi profitis, duafoje jam, tiun okazon kaj per aviadilo flugis al Amsterdamo, kie ni restis en hotelo.

Sabate, post pli ol unuhora trajnvojaĝo, ni atingis Roterdamon, kaj per tramo ni iris ĝis la centra oficejo de UEA, kie ni estis ĝentile ricevataj de parto el la personaro de la oficejo, inter ili Osmo Buller, Clay Magalhaes, Zapelli kaj aliaj, kune kun la sekretariino de UEA Barbara Pietrzak.

Ni subskribis en la akcepta libro, kaj tuj supreniris por partopreni kelkajn programerojn.

La malferma tago omaĝis Erasmon kaj Morariun, la unuan okaze de la 500 datreveno de la apero de la verko *Laŭdo de l' stulteco*, la plej konata verko de la mondfama humanisto Erasmo. Jam matene, antaŭ nia alveno, D-ino Véra Barandovská-Frank enkondukis la temon, per prelego pri la vivo, verkoj kaj signifo de Erasmo.

Poste, je la 12:15 S-ro Gerrit Berveling, akademiano kaj tradukinto de *Laŭdo de l' stulteco*, komencis per la vivo de Erasmo, naskiĝinta en Roterdamo kaj kiu havis tre interesan kaj aktivan vivon, ĉar li, regante bonege la latinan lingvon, kaj la grekan kulturon, havis grandan entreprenemon kaj laborkapablon, do, li multe eldonis, tradukis kaj eĉ ridigis kelkajn siatempajn kutimojn, kiel la stulteco de la mondo, de la vivo kaj eĉ de kelkaj pens-manieroj.

S-ro Belveling surprizis nin ankaŭ per lanĉo de sia nova esperantigo el Erasmo Antaŭparoloj al la Nova Testamento.

S-ro Lionel Onet, Libroservanto de UEA, prelegis pri Tiberio Morariu, fama rumana Cseh-metoda instruisto, komentante la verkon, *Stelsemanto en la Ora Nordo*, kies aŭtorino estas S-ino Katalin Kováts, kiu samtempe prezentis la libron dum la Sveda Esperanto Kongreso, pro la

fakto ke Morariu vivis plej parton de sia vivo en Svedio.Ni partoprenis ankaŭ la kunsidon “Estraranoj de UEA respondas”, kie tri estraranoj (la Vicprezidanto, S-ino Claude Nourmont, Sekretariino, S-ino Barbara Pietrzak kaj Kasistino, S-ino Demmendaal ĉeestis), krom la Ĝenerala Direktoro S-ro Osmo Buller, respondis la diversajn demandojn de la partoprenantoj.

Ni ankaŭ spektis iun historian filmon kaj vizitis la Libroservon, kie ni aĉetis du interesajn librojn, *La Arto labori kune* (festlibro honore al D-ro Humphrey. Tonkin) kie cento da amikoj de la omaĝinto kunlaboris kaj en tiu senco, mi fieras esti unu inter ili, per verkado de artikolo, kaj Utila estas aliĝo, tre interesa libreto verkita de Ulrich Lins.

Niaflanke, ni donacis al la biblioteko de UEA la hispanan elektronikan libron Esperanto y traducción: *Utopía y realidad,* eldonita de la Universitato de Valladolid kaj la Deputitejo de Soria (Hispanio), kiu enhavas artikolojn de la studentoj de la Doktoriga Kurso de la Fakultato de Tradukado kaj Interpretado de Soria dum 2009, rilatantaj al la lingvo Esperanto.

Laŭ nia scio, dum la tuta tago, la Centra Oficejo ricevis 70 vizitantojn el 14 landoj. Se ni konsideras ke la Centra Oficejo ne estas granda, kaj kvankam ne ĉiuj kunestas, mi konsideras ke estas sufiĉe bona kvanto da partoprenantoj en la evento.

Vere ĝi estas tre bona okazo, krom aŭskulti interesajn prelegojn kaj spekti historiajn filmojn pri niaj universalaj kongresoj, babili, trinkante kafon, aŭ teon kun dolĉaĵoj, ĝentile regalitaj de UEA, kun multaj el la partoprenantoj, inter ili kelkaj pli konataj el la hispanoj kiel S-roj Branco, Zapelli, ktp.

Jam reirante al la stacidomo, promenante tra la stratoj de Roterdamo, ni rememoris la pasintajn tagojn dum la Universala Kongreso tie okazinta dum 2008 kaj nian antaŭan viziton al la Centra Oficejo. Roterdamo estas bela urbo kaj meritas viziton.

Sekvaj “Malfermaj Tagoj” de UEA okazos la 26-an de novembro 2011, kaj jam estas decidita ankaŭ la dato de la 36-a Malferma Tago: la 28-an de aprilo 2012 kiam oni prifestos la 50-jariĝon de la domo en Nieuwe Binnenweg 176 kiel sidejo de la Centra Oficejo. Do, profitu iujn el tiuj okazaĵoj.

M. Rafaela Urueña

# Madridanoj en Almadén (Reĝurbo)

Dum la semajnfino de la 2a kaj 3a de aprilo Madrida Esperanto-Liceo organizis ekskurson al urbo Almadén.

Almadén estas fama urbo situanta en sudokcidento de provinco Ciudad Real, proksima al Ekstremaduro. Ĝi estas la plej grava urbo en tiu preskaŭ senhoma regiono. Ĝia famo kaj graveco estas konsekvencoj de ĝia subtera riĉeco, la cinabro, el kio oni akiras hidrargon. Jam dum antikva epoko, romianoj komencis ekspluati la cinabron kiu troviĝas proksime al surfaco, precipe por produkti farbojn. Dum jarcentoj la minoj de Almadén kreskis vaste kaj profunde por elirigi la valoran metalon. Apud la minejo disvolviĝis industrio por procesi la cinabron kaj elpreni la hidrargon. La graveco de Almadén estis tiel, ke en la jaro 1777 la reĝo Karolo la 3a fondis fakultaton de minoj en ĉi tiu urbo.La industrio de Almadén ĉesis en la jaro 2002, kiam Eŭropa Unio malpermesis la uzon de hidrargo pro ĝia danĝero al sano. La minejo fariĝis muzeo, kie oni montras la historion de minejo de Almadén kaj la procesadon de la mineralo.

La ĉefa celo de la ekskurso estis la vizito al la muzeo, planita por la dimanĉo. Tiel, grupo de esperantistoj el Madrido kaj Ciudad Real veturis al Almadén sabaton por libere viziti la diversajn vidindaĵojn de Almadén: ĝian sesangulan taŭrbatalejon, la Reĝan Hospitalon de Ministoj, la Akademion de Minoj, la restaĵojn de ĝia kastelo, kaj tiel plu.

La dimanĉon la esperantistoj kuniĝis ĉe enirejo al minejo-muzeo, kie komenciĝis la ekskurso al la plej interesa parto de la urbo. Ekslaborantoj de la minejo gvidis la grupon, unue al muzeo situanta en la antaŭa ĉambro de aerpumpiloj. Poste la vizito daŭris en la unua nivelo de la minejo. Tie oni klarigis la uzitajn teĥnikojn por elfosi la mineralon kaj konservi la minejon kaj ilojn por ilia bona funkciado. La vizito finiĝis kaj la grupo devis ekveturi reen, jam parolante pri la sekva ekskurso de Madrida Esperanto-Liceo al urbo Burgoso.

Juan Trenado



Montro de libroj en esperanto, fare de Esperantista Societo de Tenerife. José Luis Cruz

# Sperto en la Iberia Renkontiĝo



**Elena estas knabino el Cobeja [Kobeĥa] (Toledo) loĝanta en Albacete kiu trafis Esperanton preskaŭ hazarde. Ŝia koramiko proponis, ke ŝi partoprenu en la Iberia Renkontiĝo okazinta inter Cassà de la Selva [Kasa' da la Selba] kaj Sant Andreu Salou [Santandreu Saloŭ'], en provinco Ĝirono, la unuan semajnfinon de ĉi-majo kaj ŝi akceptis preskaŭ senkondiĉe. Ŝi multe meritis ĉar ŝi dediĉis tempon el siaj printempaj feritagoj por lerni Esperanton kaj iome la Katalunan por, almenaŭ, kompreni la ceteron de la partoprenintaro. Ĉi tiun artikolon ŝi skribis reveninte el sia unua Esperanta renkontiĝo:**

Esperanto, novaj horizontoj

Esperanto celas funkcii kvazaŭ internacia helpa lingvo, kvazaŭ dua komunika lingvo (post la denaska lingvo). La plejan parton el sia vortaro bazigas radikoj el modernaj lingvoj hind-eŭropdevenaj kiel la klasikaj Latina kaj Greka lingvoj. Tial estis facile, eĉ por mi, novula esperantistino, rompi la lingvajn barilojn kiuj malproksimigis min el gefrancoj, gegermanoj kaj gerusoj.

La esperto estis neplibonigebla: du tagoj loĝante inter homoj venintaj el malsamaj landoj, kun malsamaj lingvoj, unuiĝitaj pro unu movado kaj unu lingvo, ESPERANTO sed, je la fino, nur tio: homoj. Kvankam mi havis malmultan spacan kaj tempan rilaton kun Esperanto, ĝi demonstris al mi, ke ĝi estas facile lernebla je malmulta tempo kaj postulante malmultajn fortojn tial, ke ĝi ne multe malproksimas el niaj gepatraj lingvoj kaj, ke ĝi iĝas tre grava ilo por personaj kaj internaciaj rilatoj.

Konklude, mi devas rimarkigi, ke tiu unua (kaj ne lasta) kontaktado kun tiaj esperantaj renkontiĝoj estis tute pleniga, ne nur ĉar mi eklernis kaj praktikis internacian lingvon sed pro la amuzo de tio alportita, rilatumante kun homoj el aliaj landoj per la sama lingvo.

Foto laŭ licenco *Creative Commons* "Tallaferro"

# Revado: duobla albumo de la muzikgrupo *Rêverie*



La ensemblo *Rêverie* ( en la franca: revado, fantazio)




La lasta K-disko http://www.myspace.com/reverieweb

La itala profesia muzikgrupo *Rêverie* estis fondita en 1996 de la milana muzikverkisto kaj gitaristo Valerio Vado.

La bando celas realigi modernan muzikon ĉerpante inspiron el la radikoj de la muzik-tradicioj itala (renesanca kaj baroka), eŭropa kaj mediteranea, kaj prilaborante ĉi tiujn elementojn per nuntempa sentokapablo. Rezultiĝas fajna kunfandiĝo de tradiciaj kaj elektronikaj sonorecoj, atingante sonon kiun oni povas difini kiel 'etno-progresivan'.

*Rêverie* arte eksperimentadas uzante plurajn lingvojn por siaj kantoj, inter kiuj estas esperanto, la friula (grava regiona lingvo de nord-orienta Italio), la renesanca angla de Shakespeare, kaj kompreneble la itala lingvo.

La grupo ekkoncertis en 1999 kiel sesopo, kaj poste ĝi koncertadis en la nord-italaj regionoj Lombardio, Ligurio, Piemonto, Venetio kaj Friulo, per bandkonsistoj de du ĝis sep anoj.

En 2011 *Rêverie* havas varb-koncertojn plurfoje en Esperantujo (interalie: IJF de Pornassio, Italio; IKE de Torino, Italio; FESTO en la kastelo Greziljono, Francio; UK de Kopenhago, Danio), por prezenti sian novan duoblan KDon esperantan/italan Revado.

La bando akiris certan famon en la progresiva muzikmedio dank'al pozitivaj recenzoj en Italio kaj eksterlande. Pluraj kantoj estas dissendataj fare de diversaj radiostacioj italaj kaj eksterlandaj.

Fonto: Vinilkosmo

**Federación Española de Esperanto**
Rodríguez San Pedro 13-3º-7 · ES-28015 Madrid · Tel.-914 468 079
www.esperanto.es · correo electrónico: admin@esperanto.es
CIF: G47 02 63 56

inscripción o renovación para el año:
**2011**

Por favor, escriba en mayúsculas.

**Datos personales**

| | | |
|---|---|---|
| Nombre: | | Sólo para renovaciones |
| Apellidos: | | Nº socio: |
| Dirección: | | |
| Código postal: | Localidad: | DNI: |
| Teléfono particular: | Teléfono del trabajo: | |
| Correo electrónico: | | Año de nacimiento: |

**Categoría de socio**

Todos los socios reciben los siguientes servicios:

-La publicación Boletín (4 números al año).

-Entre 13 y 30 años de edad la revista juvenil Kontakto (6 números al año).

☐ Prefiero recibir la versión digital de la revista Kontakto.

Marque con una **X** la categoría elegida:

| categorías | | Modalidad | Euro | X |
|---|---|---|---|---|
| OM | socio ordinario | | 32,00 | |
| KM | socio colectivo | | 64,00 | |
| PM | socio protector | | 64,00 | |

**Forma de pago**:

☐ Domiciliación bancaria (cumplimente y envíenos el impreso adjunto).

Otras formas de pago ( - sólo en casos excepcionales -)

☐ Ingreso en la cuenta 0182-1252-31-0204.011.961 del banco BBVA (adjunte comprobante).
☐ Ingreso en la cuenta hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (adjunte comprobante).
☐ Pago en efectivo en la oficina de la asociación.

Fecha :　　　　　　　　Firma :

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Titular de la cuenta:

Banco o caja:

Dirección de la oficina bancaria:

Código postal:　　　　Localidad:

**C.C.C.:** entidad　sucursal　D.C.　cuenta

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:　　　　　　　　Firma del titular: